# Internacia Fervojisto

Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo




ISSN 1397-4270

## 2017.1

**La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn**

# Esperantistoj kolektas – manlibro pri arkivado

## Karaj gelegantoj,

kion fari per la presitaj, tajpitaj kaj skribitaj trezoroj mem kompilitaj aŭ hereditaj? Ili plenigas libroŝrankojn, aktujojn aŭ kolektokestojn kaj postulas malagrablajn decidojn.
Ĉu respekti la propran, la gepatran koraferon aŭ tiun de samideana konato aŭ ĉu fermi la okulojn kaj senzorge transdoni ĉion al la granda kontenero?
Se la konscienco postulas almenaŭ trarigardi la materialon, tiu certe estus paŝo en la ĝustan direkton. La eventuala konkludo ĝin konservi, necesigas tamen plian cerbumadon por fari tion en formo, de kiu aliuloj – eble bibliotekoj aŭ arkivoj – povas profiti. Jan Niemann intense okupiĝis pri tiu temo kaj resumis sugestojn en la „Manlibro pri arkivado”. Ĝi estas tiel grava, ke ni deziras represi ĝin komplete en tiu ĉi eldono de nia revuo.

Vi plue trovos kelkajn apetitigajn informojn pri la ĉi-jara Internacia Fervojista Kongreso en *Colmar*. Enhavaj detaloj el la IFEF-estrarkunsido sekvos en la venonta eldono ĉar necesas ankoraŭ kelkaj pliaj diskutoj.

Mencienda estas la aktuala informo pri la nova FISAIC-sekretario, kiu forviŝis la zorgojn kunprenitajn el la Ĝenerala Asembleo en *Saint-Mandrier* - bona kaj esperiga surprizo!

Laste ni direktu nian atenton al fervoja akcidento okazinta en suda Germanio. Tiaj okazaĵoj aparte tuŝas nin fervojistojn. Ni konas la funkcion de nia trafika sistemo kaj mem argumentas kun plena konvinko per ĝia sekureco. Se okazas teruraĵoj kiel la 9-an de Februaro 2016 en *Bad Aibling* ni unuavice demandas, ĉu tiu konvinko estas prava. La informoj pri la stato de la policaj esploroj ĝis la tribunala juĝo pripensigas pri atingebla sekureco kaj homa respondeco.



Amikajn salutojn

**Guido Brandenburg**

# Enhavo:



**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato

**Estraro de IFEF**
**Prezidantino:** Rodica Todor (Rumanio) rodica_todor@yahoo.com
**Sekretario:** Vito Tornillo (Italio) vitorni@virgilio.it
**Kasisto:** Laurent Vignaud (Francio) laurent.vignaud@free.fr
**Redaktoro:** Guido Brandenburg (Germanio) guido.brandenburg@t-online.de
**Gvidanto de la Faka Komisiono:** Jan Niemann (Danio) niemann@kabelmail.dk

**Membroj de la Redaktora Komisiono**
Lene Niemann (Danio), Jean Ripoche (Francio), István Gulyás (Hungario)

**Membroj de la Faka Komisiono**
D-ro Heinz Hoffmann (Germanio), Ladislav Kovař (Ĉeĥa Respubliko)

**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud"
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372



La libromaniulo – *Carl Spitzweg* 1850

## Esperantisto kolektas - Manlibro pri arkivado

Karaj amikoj, jen la elirpunkto!
Ni estas multaj esperantistoj (kaj estis ege multaj antaŭ ni) kiuj

- legas librojn kaj eĉ aĉetas kelkajn,
- abonas gazetojn kaj konservas ilin,
- korespondas kun Esperanto-amikoj dise en la mondo kaj konservas la korespondaĵojn,
- partoprenas kongresojn kaj tie ricevas paperojn, dokumentojn kaj donacetojn, kiujn ni konservas,
- fotas, skribas, filmas pri la aranĝoj, kiujn ni partoprenas – kaj konservas, kion ni faris.

**La kerna vorto estas KONSERVI.**

Mi certas, ke la plimulto de esperantistoj, kiuj kolektas pli ol ’ordinare’, pripensas kion fari pri la tuto, sed multaj rezignas, ĉar ili ne scias kion fari kiel … kaj poste la tuta postlasaĵo estas nura ĥaoso.

Alia flanko de la afero estas, kiam oni heredas/ricevas kolekton aŭ parton de ĝi. En tiu situacio ofte oni ne scias, kio estas la enhavo. Kion ni povas fari, por ke unuopuloj mem prizorgu dum la vivo la kolektaĵon kaj por ke heredantoj havu eblecon bone prizorgi la postlasaĵojn?

Dum KAEST 2014 *(Konferenco pri Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko)* multaj unuopuloj kaj klubanoj rakontis pri personaj spertoj, kaj dum ‘alvoka kunveneto’ estis konsento krei kvazaŭ helpilon por tiuj, kiuj mem kolektas aŭ kiuj ricevas donacon/heredaĵon.

ICH *(Interkultura Centro Herzberg)* malfermis en printempo 2016 la pordojn, por ke ni, interesuloj, kiuj ĉeestas, kune verku/kompilu konkretan helpilon.

Mi ĉi-sube skizas la situacion kaj la taskon, kiel mi ĝin vidas. Mi provis nun kelkfoje ricevi/heredi kolekton, kaj temas ne nur pri esperantaĵoj, sed ankaŭ pri poŝtmarkoj, fotoj kaj aliaj kolektaĵoj. Mi esperas, ke tiu skizo povas esti bona elirpunkto por niaj komunaj streboj dum la venontaj tagoj.




Mi ne tuŝas tro la teknikon en la afero … sed mi supozas, ke ni en la helpilon enskribos taŭgajn ligilojn, kiujn homoj povas uzi.

Kolekto – arkivo – kio estas kio?

Fakte PIV en sia difino de ARKIVO diras nur, ke estas kolekto de malnovaj aktoj – sed por ni, kiuj devas fari kaj uzi la arkivon, la necesa diferenco inter KOLEKTO kaj ARKIVO estas, ke la arkivo estas ordigita kolekto – oni povas retrovi la aktojn por posta uzo.

**Komenco**

Mi volas substreki, ke ne tro gravas, LAŬ KIU SISTEMO oni registras materialon – KE ONI REGISTRAS estas grave! Se oni nur mem konas la sis-

temon kaj bone priskribas kaj dokumentas ĝin, oni mem aŭ aliaj povos poste ŝanĝi.

Kio estas:

- Libroj
- Revuoj / ĵurnaloj
- Manuskriptoj, korespondaĵoj
- Protokoloj
- Fotoj
- Insignoj k.a. objektoj



**Kiel ataki la materialon:**

*Libroj*

Flankenmetu librojn, ĉar ili estas plej ofte en sufiĉe bona stato.

Konservu la librojn sekaj kaj en bona temperaturo.

Lasu ilin, kaj zorgu pri aliaj aferoj unue.

*Gazetoj kaj ĵurnaloj:*

Pli-malpli kiel pri libroj, sed se eblas, metu en stokon laŭ jaro kaj numero – tio faciligos la laboron poste.

*Korespondaĵoj kaj manuskriptoj:*

Rigardu unue, en kia stato estas paperaj dokumentoj. La plej delikataj, eble jam parte detruitaj, vi prizorgu unue.

Se vi estas mem kolektanto, estrarano aŭ simile: Unufoje jare trarigardu la 'jarkolekton' kaj provu konservi nur gravajn dokumentojn. Se temas pri 'propra' korespondaĵo plej ofte necesas konservi nur ricevitajn dokumentojn. Se temas pri klubaj/societaj dokumentoj, konservu senditajn kaj ricevitajn, sed nur se ili estas gravaj kaj rakontas pri klubaj vivo kaj evoluo.

Se manuskriptoj de libroj jam eldonitaj montras gravan evoluon en la verkado, konservu ilin, se ne, forĵetu.

Se informoj de manuskriptoj pri klubaj/societaj aktivecoj (alvokoj, klubaj anoncoj) estas retroveblaj en gazetoj/klubperiodaĵoj, forĵetu.

Forprenu 'danĝerajn elementojn' (glubendon, agrafojn, plastajn ujojn k.s.).

**Ordiginte la materialon laŭ la supre menciitaj grupoj esploru, kiu materialo estas en plej malbona stato/plej delikata, - tion oni unue prilaboru.**

*Libroj, gazetoj kaj ĵurnaloj:*

Esploru unue, ĉu la koncerna libro estas jam en iu kolekto aŭ biblioteko skanita/registrita. Se jes, oni kompreneble ne ankoraŭfoje faru. Duoblaĵojn oni konservu nur, se ene estas longaj, personaj dediĉoj aŭ notoj de la aŭtoro.

Estas plej facila rimedo registri 'survoje', kiam oni akiras ilin. Se oni staras kun granda amaso, provu registri eble kvin tage.

La registro, kiun oni faras, enhavu

- titolon
- aŭtoron
- eldonjaron
- eldonejon
- paĝonombron
- bindigon

La lastaj du informoj estas utilaj, ĉar multaj libroj estas eldonitaj plurfoje.

Tekniko: uzu simplan *Excel*-dokumenton.




Libroskanilo
(Foto: Dirk Ingo Franke, WikiMedia)

*Korespondaĵoj:*

Paperaj dokumentoj:

Skanu: en formato *.tiff aŭ *.bmp, grandeco 300 dpi.

Ĉu oni uzu *OCR* (literorekonan programon) dependas, ĉu la dokumentoj iru en arkivon por resti aŭ por uzo.

Se vi scias kien liveri poste la materialon, kontaktu la instancon por ekscii pri taŭgaj kestoj k.s., eble ili povas liveri al vi senpage. Kiam la materialo estas donita, povas daŭri, ĝis oni 'profesie' prilaboros ĝin.

Ĉiuj sistemoj estas 'same bonaj', se oni nur havas unikan kaj retroveblan 'kodon'. Ekz-e korespondaĵo: marko pri persono, kiu skribis, dato, paĝo.

La materialo, kiun oni ne tuj skanas, ordigu kiel eble plej bone antaŭ pakado. Se oni scias precize, kio estas kie, pli facilas la posta laboro pri

decido kion skani kaj kion ne. Oni povas liveri al instancoj neskanitan materialon, kaj oni ne necese mem skanu. Oni havas ankaŭ eblecon eltrovi, kio estas jam skanita de aliaj.

*Fotoj:*

Estas tre grave scii, kiuj estas la homoj, lokoj kaj okazaĵoj fotitaj. Eĉ se foto estas vere malnova, se oni ne scias, kiuj estas la homoj kaj lokoj, ne havas grandan intereson por la arkivo.

Do, unue notu tiujn faktojn kaj poste skanu la fotojn. Devas esti minimume 300 dpi kaj prefere 600 dpi. Se temas pri diapozitivoj aŭ negativoj la preferata grandeco dum skanado estas 2400 dpi. En ambaŭ kazoj konservu ilin kiel tiff-formato ĉar tiu formato konservas pli da informoj ol ekz. *. jpeg-formato.

**Sciigu, kion vi havas**

Jam dum katalogado publikigu, kion vi havas, kaj kio estas skanita/prilaborita:

- faru hejmpaĝon kun la katalogaj datoj – homoj do scias tuj, kion vi havas, kaj se poste la kolekto iras al iu instanco, kiu ne tuj publikigas/liberigas, tamen homoj scias, kio estas en via kolekto.
- metu en la retstorilon kaj diskonigu la ligon al ĝi.
- registru, kion vi konservis, ĉe centra reta adreso.

Estas komplika afero, kaj mi opinias, ke oni ne estu tro ambicia – sed gravas, ke oni registras en maniero, kiun ankaŭ aliaj povas uzi.

**Jan Uldal Niemann**



# Novaĵoj pri la 69-a Internacia Fervojista Kongreso Colmar

## La ĉefaj fakprelegoj



Speciala kazo – la alzacaj-lorenaj fervojoj

En Francio la normala ‚laŭsencuma' trajntrafiko okazas sur la maldekstraj trakoj de partrakaj fervojlinioj, escepte de tri departementoj de orienta Francio, kie dekstraflanka trajntrafiko estas la normala.
Ĉu tradicio, ĉu historio, ĉu obstino?
Certe multaj el vi jam scias pri tio sed pli certe post spektado de la prezento ...

La stacidomo de Colmar



La stacidomo estas 1907 inaŭgurita konstruaĵo en novbaroka (“vilhelma”) stilo kun komplike strukturita ardeztegita tegmento – bone flegita kun kelkaj modernaj elementoj.
Laŭdire pro kosto- kaj tempoŝparo oni por la konstruo reuzis la planojn de la stacidomo de Dancigo (Gdańsk).
Pliajn sekretojn malkaŝos la dua ĉefa fakprelego.

## Stato de aliĝo

La unuan aliĝperiodon – kaj la plej bonajn kotizkondiĉojn – elektis 74 personoj laŭ stato 12-a de Decembro 2016.

## La lokoj de la postkongreso

Mardo, 23.05.2017 – unua tago

***Haut-Koenigsbourg*** estas mezepoka burgo situanta en la franca municipo *Orschwiller* en la departemento *Bas-Rhin*, en Alzaco. La nuna nomo de la burgo, *Haut-Koenigsbourg*, rezultas el la adopto de la germana nomo *Hochkönigsburg*, kies traduko estas "alta-burgo de la reĝo". Ĝi troviĝas je trideko da kilometroj norde de *Colmar* kaj dominas la tutan alzacan ebenaĵon. Ĝi ebligis kontroli la migradojn tra la Alzaca Ebenaĵo. La unua skriba mencio pri la burgo datiĝas de 1147. Ĝi apartenis laŭlonge de la jarcentoj al pluraj eminentuloj de la Sankta Romia Imperio de Germana Nacieco. En la unua duono de la 13-a jarcento, profitante la malfortiĝon de la *Staufer*-gento, la dukoj de Loreno estis kaptintaj la burgon. Tiu ĉi estis konfidita al la Siroj de *Rathsamhausen*, poste al la *Hohenstein*, kiuj tie regis ĝis en la 15-a jarcento. Fariĝinte nesto de rabantaj kavaliroj la burgo estis konkerata kaj bruligata en 1462 de koalicio ariginta la urbojn *Colmar*, Strasburgo kaj Bazelo, forta je 500 viroj kaj artileriaj armiloj. En la jaro 1633, dum la Tridekjara Milito en kiu, inter aliaj, la svedoj kontraŭis Aŭstrion, Alzaco estis ruinigita. En julio la svedoj sieĝis la burgon *Haut-Koenigsbourg*. Per fortaj kanonoj kaj haŭbizoj, ili konkeris la burgon post kvindekdu-taga sieĝado. Iom poste la fortreso estis detruita per fajrego. La burgo tiam estis forlasata. Akiris la ruinojn la municipo de la urbo *Sélestat*. Post la konkero de Alzaco fare de la prusoj la municipo donacis la ruinigitan burgon al la imperiestro Vilhelmo la II-a de *Hohenzollern*, kiu ĝin rekonstruigis laŭ plano de sia arkitekto Bodo Ebhardt. La bele restaŭrita burgo estu simbolo de germana potenco ĉe la limo al Francio! Aktuale ĝi estas unu inter la plej vizitataj turismaĵoj en Francio (pli ol 500.000 vizitantoj jare).



Ankaŭ ***Ribeauvillé*** estas vilaĝo de vinber-kultivistoj kaj ĉiam la vino estis en la centro de la vilaĝa ekonomio. Jen financaj rimedoj, kiuj instigis al konstruo de imponaj urbaj domoj, eĉ domegoj: Vi povos admiri la plej



belajn trabfakajn domojn. La vitejaro grimpas laŭ la deklivoj ĝis la surmonta arbaro, kie elstaras tri ruinoj de burgoj, kiuj observas la valon.

Reen al *Colmar* la vojo preter-kondukas la Parkon de la Cikonioj kaj Lutroj en *Hunawihr*.

Merkredo, 24.05.2017 – dua tago

Post tutlanda enketo ***Eguisheim*** eniris antaŭ kelkaj jaroj la renoman klu-bon de la plej belaj francaj vilaĝoj. Ĝi ankaŭ famas pro la tiea protektan-tino de Alzaco, Sankta Otilia, kaj la naskiĝo de la papo Leo la IX-a (1002-1054). *Eguisheim* ankaŭ famas pro siaj vinoj: Ĝi situas malsupre de vasta vitejaro. Ne mankas la tipaj alzacaj trabfakaj domoj kaj la flora abundo, kiu kutimas en la plejmulto de la alzacaj vilaĝoj. *Eguisheim* disvolviĝis komence de la 8-a jarcento ĉirkaŭ la unua burgo de *Eguisheim* konstru-ita de *Adalric*, la tria duko de Alzaco, nevo de Sankta Otilia. El la sama familio originas Bruno de *Eguisheim-Dagsburg*, kiu iĝis episkopo de Toul en Loreno kaj poste la menciita papo Leo la IX-a. Temis pri reformema papo, kiu rifuzis la entrudiĝon de la imperiestro de la Sankta Romia Imperio de Germana Nacieco en la ekleziajn aferojn kaj tiel plifortigis la potencon de la papeco. Li ankaŭ estis vojaĝema papo, kiu revenis al Alzaco kaj Loreno. Same notindas vojaĝoj al la suda Italio. Li estis kano-nizata 1087 de la papo Viktor la III-a. 1894 oni konstruis kapelon je lia honoro. Sur ties volbo estas pentritaj sep medalionoj en la stilo de la 9-a jarcento, kiuj rakontas la vivon de Sankta Leo.



La **Ekomuzeo de *Ungersheim*** en Alta Alzaco estas subĉiela muzeo, kien estas translokigitaj aŭtentikaj trabfakaj domoj. Ĝi estas vera vivanta vilaĝo: Krom la jam menciitaj trabfakaj domoj videblas laboristaj domoj, butikoj, urbodomo, fortikigita turo, festo-halo, farm-domoj, lernejo, lavejo, ĝardenoj kaj kampoj. Ĉiuj domoj (kelkaj inter ili originas en la XV-a jarcento) estas viziteblaj. Ene estas prezentataj la tradiciaj laboroj de la regiono same kiel la diversaj manlaboraj fakoj. En iuj domoj laboras veraj manlaboristoj laŭ malnovaj teknikoj: potfaristo, radfaristo, forĝisto. Aliloke kostumitaj gvidistoj vivigas la vilaĝon. Ofte la muzea deĵorantaro (inter ili multaj volontuloj) organizas tradiciajn festojn laŭ la liturgia kalendaro. En 1989 la apuda rivereto *Thur* estis devojigata kaj ties akvo nun fluas en la vilaĝa rivero, tiel ke eblas promeni per barko kaj malkovri la revivigitan ekosistemon.

**Provizora programo**

| | | |
|---|---|---|
| Mardo, 16.05. 2017 | 10.00 – 21.00<br>17.00 – 18.00<br>18.00 – 19.00<br>19.00 – | Akceptado / Informado<br>Kunveno de la IFEF-estraro kaj LKK<br>Kunsido de la IFEF-estraro<br>Interkona vespero |
| Merkredo, 17.05. 2017 | 08.00 – 10.00<br>13.00 – 20.00<br>**10.00 – 12.00**<br>12.00 – 12.30<br><br>14.00 – 18.00<br><br><br><br>20.30 – 22.00 | Akceptado / Informado<br>" "<br>**Solena Inaŭguro**<br>Komuna foto, Gazetara konferenco<br>*paŭzo*<br>**Urbovizitado** (D1a, b) – Colmar (piedire aŭ per trajneto);<br>gustumado de vinoj, komuna por ambaŭ grupoj<br>*paŭzo*<br>Kultura programo: **La grupo "VOGESIA" de *Colmar*** |

| | | |
|---|---|---|
| Jaŭdo, | **09.00 – 12.00** | **Nepublika Komitatkunsido** |
| 18.05. | 10.00 – 12.00 | E-kurso por komencantoj |
| 2017 | | *paŭzo* |
| | 14.00 – 16.30 | Kunsido de la Faka Komisiono |
| | 16.45 – 18.00 | Movadaj aferoj; kunsido de la laborgrupoj, publika |
| | **14.00 – 16.30** | **Ateliero pri informadiko (bazaj informoj)** |
| | | *paŭzo* |
| | 20.00 – 21.00 | Prelego pri la regiono**: Elzaso/Alzaco - Edmond** |
| | | **Ludwig** |
| | 21.00 – 22.00 | Venonta kongreso sin prezentas - ***Wrocław*, ** |
| | | **Pollando** |
| Vendredo, | **09.00 – 12.00** | **Plenkunsido** |
| 19.05. | 10.00 – 12.00 | E-kurso por komencantoj |
| 2017 | | *paŭzo* |
| | 14.00 – 18.00 | **Ekskurso D2 – Fervoja muzeo "Cité du Train"** |
| | | *paŭzo* |
| | 21.00 – 23.00 | Kultura kaj dancvespero kun **Fernando** |
| Sabato, | 09.00 – 12.00 | Libroservo funkcias |
| 20.05. | 10.00 – 12.00 | E-kurso por komencantoj |
| 2017 | 09.00 – 12.00 | Kunsido de FFEA *(Franca Fervojista Esperanto-* |
| | 09.00 – 11.00 | *Asocio)* |
| | 11.00 – 12.00 | Kunsido de la Faka Komisiono |
| | | Kunsido de la laborgrupoj, publika |
| | 14.00 – 18.00 | *paŭzo* |
| | | **Ekskurso D3** – Kaysersberg, Riquewihr, Hunawihr - |
| | | Ĝardeno de vivantaj papilioj |
| | 20.00 – 22.00 | *paŭzo* |
| | | Koncerto **Grazia Barboni,** Italio |
| Dimanĉo, | 09.00 – 12.00 | Libroservo funkcias |
| 21.05. | 10.00 – 12.00 | E-kurso por komencantoj |
| 2017 | **09.00 – 12.30** | **Ĉefa fakprelego kaj aliaj prelegoj** |
| | | Prelego: **Vizitu Baraton per trajno-Liba kaj Floreal** |
| | | **Gabalda** |
| | **12.30 – 13.00** | **Solena fermo** |
| | 14.30 – 15.30 | *paŭzo* |
| | 15.30 – 16.00 | Komitatkunsido de EFE *(Espéranto France - Est)* |
| | 16.00 – 18.00 | Kunveno de la IFEF-estraro kaj LKK |

| | | |
|---|---|---|
| | 20.00 – 22.00 | Estrarkunsido de IFEF<br>*paŭzo*<br>Teatrumado kun libera improvizado-programero proponita de **Mirejo** (Mireille Grosjean, prez de ILEI) |
| Lundo, 22.05. 2017 | 09.00 – 19.00 | **Tuttaga ekskurso – Strasburgo, *Obernai*** |

## Aŭtuna kunveno de IFEF-estraranoj 24.-27.10.2016 en *Colmar*

Invititaj de la lokaj esperantistoj denove IFEF-estraranoj kunvenis en la belega urbo *Colmar*. Apud ĝeneralaj federaciaj aferoj estis traktendaj la preparoj de la 69-a Internacia Fervojista Kongreso.

La hotelo *Balladins-Primo* ofertis sin gastigi la kongresanojn kaj tial estis la elektita loko de la preparkunveno. Situanta rande de la centra kvartalo de la urbo ĝi prezentas allogajn kondiĉojn kun noktoprezo ege favora. Ekipita per lifto tiu hotelo ne ofertas lukson sed ĉiajn bezonatajn utilaĵojn.




Koncentrite diskutantaj – LKK kaj estraro

Preparado de kongreso postulas, eĉ meritas la revizion de kondiĉoj kaj plenumendaj laboroj.

Multaj gravaj punktoj estis studataj. Devige estas kontroli ĉu ĉiuj planitaj eroj de nia programo fareblas. Pro tio dum tiuj tri tagoj senĉese ni interesiĝis pri la atingita stato, pri la programo, la inaŭguro, la fakprelegoj, la ekskursoj, la buĝeto, la postkongreso, la venontaj IFK-oj.



Skolteca vizito en la fervoja muzeo

Pli ĝenerale la IFEF-respondeculoj interesiĝis pri la financaj aferoj kaj la diversaj agadoj de IFEF (komisionoj faka, redaktora kaj statutrevizia) kaj diskutis la rezultojn de la laborgrupoj pri rilatoj internaj kaj eksteraj de IFEF, ĝia historio kaj arkivado.
Gravaj estis la kontaktoj kun la funkciuloj de la urba administracio. Ni intertraktis kun la personaro de la urbodomo, de la fervoja stacidomo, eĉ ĵaŭdon posttagmeze ni aliris la trajndomaron (Cité du train) en *Mulhouse*, unu celo el niaj ekskursoj.
Tiu muzeo meritas apartan atenton. Ĝi prezentas famobrilan kolektaĵon de fervoja materialo disigita en tri grandajn konstruaĵojn. Ili kovras nun 50.000 kvadratajn metrojn kaj ŝirmas kolekton de 151 objektoj venintaj el la fervojaj sferoj.
Memoru bone ke post kelkaj monatoj, *Colmar* iĝos la rendevua centro de la fervojistaj esperantistoj.
Tutcerte ankaŭ ĉijare la kongreso meritas vian partoprenon.

Jean Ripoche

## Informoj el FISAIC




De la 22-a ĝis la 26-a de Septembro FISAIC okazigis sian Ĝeneralan Asembleon en *Saint-Mandrier* proksime de Toulon en Francio. IFEF – unuafoje membro en rango kiel landa asocio - reprezentis nia prezidantino Rodica Todor, kiu utiligis la okazon por raporti pri la pasinta kaj estonta agado de nia federacio. La Asembleo esprimis sian agnos-

kon kaj esperon pri efika kunlaboro. Formala kulmino estis la novelekto de la estraro. En decidaj pozicioj ne okazis ŝanĝoj, escepte de la Ĝenerala Sekretario, kiu devis esti novokupata pro demisio de Germanio. La origine kandidatinta franca landa asocio retiriĝis. El Danio post komenca necerteco deklaris sin Jan Niemann preta transpreni tiun taskon. Lia subteno fare de la membraj asocioj tamen ne estas jam fine certigita
Kvankam ĝi konsumos grandan parton de lia energio, IFEF estas tre kontenta pri tiu interkonsento, ĉar ĝi ankaŭ substrekas la rolon de IFEF en tiu federacio. Ni gratulas al li, deziras lertan manon direktante la aferojn de FISAIC kaj antaŭĝojas pri sukcesaj komunaj projektoj.
Marĝene:
Ekde la jaro 2017 FISAIC intencas laŭeble senpere informi la asociajn membrojn per regula retpoŝta novaĵletero. IFEF subtenas tion. Ni zorgos pri la esperantlingva parto kaj dissendos ĝin per la listoj kompilitaj por dissendo de la Internacia Fervojisto.

Guido Brandenburg

## Projekto *Fehmarn*-interligo

Jam antaŭ jaroj ni por la unua fojo rakontis pri la firma *Fehmarn*-interligo inter Germanio kaj Danio. Ankoraŭ oni estas en la fazo de planado, kaj ankoraŭ estas granda diferenco, kiel oni rigardas la projekton en la du landoj.



*Rigardo sur la tunel-aperturon sur Lolando*
(Bildo: EI 11/2014 DVV Media-Group)

En Danio oni apenaŭ diskutis/as la aferon. En Germanio, precipe sur la insulo *Fehmarn*, kreskis forta opozicio kontraŭ la projekto.
Anticipebla motivo unuflanke estas atendataj perdoj en la turisma ekonomio pro la konstrulaboroj kaj la influo de kreskanta vartrajna trafiko.

Aliflanke temas pri granda nombro de laborlokoj en la pramŝipo-kompanio *Scandlines* kaj en la haveno de Puttgarden.
La germana planprocedo permesas al koncernataj individuaj enloĝantoj kaj organizoj per kritiko kaj demandoj bremsi grandprojektojn antaŭ konstrukomenco. La 26-a de Aŭgusto 2016 ekzemple estis la lasta akceptotago en la dua planciklo. Pli ol 9.000 tiaj obĵetoj atingis la trafikministerion en *Kiel* (ĉefurbo de federacia lando *Schleswig-Holstein*), kiuj nun devas esti prilaborataj. Estas ege longdaŭra kaj komplika afero, sed la reprezentanto de la trafikministerio en *Kiel* diras, ke por eviti kaj forigi kiel eble plej multajn erarojn kaj miskomprenojn oni ne volas ion ’supersalti’, sed vere serioze trakti ankaŭ tiun parton de la projekto.
En Danio ne regas dubo, ke la projekto realiĝos. Nur kelkaj miras, ke sur la dana flanko oni konstruas jam nun multe, antaŭ ol la fina konfirmo estas veninta de la germana flanko. En Germanio verŝajne ankaŭ la plimulto scias, ke efektiviĝos – tiel granda projekto simple estas tro granda por ĝin nuligi!




Verda: Planita firma interligo kaj pramlinio Rødby-Puttgarden
Ruĝa: Pramlinio Gedser-Rostock

Kompreneble la grandaj konstrulaboroj jam faritaj kaj jam firme deciditaj sur la dana flanko ne estas ’mono forĵetita’, ĉar ankaŭ sen *Fehmarn*-interligo la nova altrapid-fervojlinio Kopenhago-*Køge-Ringsted* kaj la nova *Storstrøm*-ponto uzeblas. La kontrakto kompreneble enhavas ankaŭ ’halt-kondiĉon’, se la tuta projekto forfalos.

Fonto: *Flensburg Avis*, 27.08.2016, DEFA




La fervoja linio *Holzkirchen-Rosenheim*
(Mapo: Vuxi, WikiMedia, OpenStreetMap)

## Akceptenda risko?

La trafiko sur la unutraka elektrizita linio 5622 (fervojlinio ĉefa, 120 km/h) de *Holzkirchen* al *Rosenheim* en suda Germanio estas kompare vigla. Apud sporadaj kargotransportaj kaj ĉirkaŭvoje kondukitaj longdistancaj pasaĝertrajnoj labortage osciladas tie 30 trajnparoj „Meridian“ - marko de la trafikentrepreno *Bayrische Oberlandbahn*. Kutime ili estas kompilitaj el plurelementaj elektraj motorvagonoj *Stadler FLIRT 3*.

La pasaĝeroj majoritate veturas al laboro en Munkeno aŭ la pli proksimaj subcentroj, al magazenoj kaj foiroj, al gimnazioj kaj aliaj lernejoj najbarecaj. La 09-an de Februaro 2016 en Bavario ankoraŭ daŭras la vintra ferio. Tial mankas la lernejanoj kaj matene antaŭ la sepa horo la trajnoj estas kompare malplenaj.

La stacio *Bad Aibling* kaj la stacio *Kolbermoor* en distanco de 5,2 km stacio estas kontrolataj per relajsa trakskema regejo SpDrS60 el la jaro 1977 - relative moderna tekniko kun funkcia radiuso de 6,5 km, kapabla regi trafikon ankaŭ en grandaj stacioj. La trajn-kaj manovroveturoj sekvas sekurigitajn itinerojn. La regeja instalaĵo kontrolas la vojojn kun itineraj kaj protektaj elementoj, blokas endanĝerigajn itinerojn kaj ebligas veturpermesan signalon nur post plenumo de ĉiuj bezonataj kondiĉoj. Ĝi obeas la ordonojn de la trajntrafikestro, se ili estas logikaj, transprenas la kontrolojn kaj kvitancas sukcese instalitan trajnitineron per verda lu-

mo en la respektiva signalilsimbolo sur la trakskema pupitro. La pupitro estas la centra kontrolinstrumento de la regejo, kiu per lumoj bildigas la situacion sur la konektita trakreto. Okupitajn traksekciojn simbolas ruĝaj strioj, liberaj en stacioj estas blankaj.




Substitua signalo
3 blankaj lumoj

La regejo rutinigas la laboron kaj liberigas por aliaj (ekz. disponaj) taskoj, se ĉiuj elementoj senobstakle funkcias. Se ne, la regejo per la substitua signalo al la trajntrafikestro donas rimedon por ebligi pluan kondukon de la trafiko - laŭ rigoraj reguloj, ĉar tiu signalo dependas de nenia kondiĉo kaj necese anticipas, ke ne plu la regejo sed li mem garantias la liberan kaj sekuran itineron.

La 09-an de Februaro 2016 la trajntrafikestro *Bad Aibling* ekkomencas la deĵoron je la 4.45 h antaŭ la unua trajno. Ĝis nun ĉio evoluas laŭplane. La trajno M 79505 venanta de *Holzkirchen* estas malfrua. La horaro en *Kolbermoor* antaŭvidas kruciĝon kun M 79506 de *Rosenheim*. Dum M 79506 proksimiĝas al Kolbermoor la trajntrafikestro instalas por ĝi la eniran itineron kaj tuj la eliran al *Bad Aibling*. La trajnkondukisto post laŭplana halto vidas la verdan signalon kaj akcelas la trajnon en direkton *Bad Aibling*. Tie alvenas la malfrua M 79505.

La regeja sistemo rifuzas la ordonon de la trajntrafikestro instali por M 79505 la eliran itineron al Kolbermoor. La kondiĉo postulanta liberan trakon kaj neniajn endanĝerigajn itinerojn ne estas plenumita. La trajntrafikestro vidas la ruĝan lumon sur sia pupitro kaj pensas pri misfunkcio. Per la substitua signalo li permesas al M 79505 la elveturon en direkton Kolbermoor. Du minutojn poste M 79505 haltas ĉe haltejo *Bad Aibling Kurpark*. La kantona signalilo montras ruĝan lumon. Ankaŭ tie la trajntrafikestro donas la substituan signalon kaj la kondukisto daŭrigas la veturon.

En tiu momento la trajntrafikestro ekkonas la situacion kaj du fojojn per trajna radiofonio klopodas atingi la du trajnkondukistojn por ordoni tu-

jan halton. Li du fojojn uzas la malĝustan klavon de la telefono. Unu el la motorvagonoj rapidas kun 51 km/h, la alia kun 78,3 km/h kiam ili kolizias en longa enarbara kurbiĝo. La kondukistoj ne havas ŝancon efike reagi. Mortas 12 homoj, inter ili la du kondukistoj. Grave vundiĝas 89 pliaj. Dum tagoj en gazetaro kaj televido oni vidas bildojn pri fajrobrigado kaj sanitaraj helpantoj kaj la terure frakasitaj veturiloj kaj demandas, kiel tio povis okazi.
La respondoj ĝis nun donitaj koncernas la principojn de la signaltekniko kaj la fervojaj komunikaj sistemoj kaj finfine alvenas ĉe la rolo de la homo kaj ties respondeco.
Estis interreta ludo, kiu kaptis la atenton de la trajntrafikestro, direktis ĝin al lia poŝtelefono kaj kaŭzis malatenton de la plej esencaj devoj kaj reguloj, kiujn postulas la laboro en tiu pozicio. La deĵoraj superuloj antaŭ la juĝisto konfirmis, ke la akuzato estis unu el la plej bonaj kaj fidindaj kunlaborantoj.
Kaŝi sian manion karakterizas la konduton de homoj dependaj ĉu de medikamentoj, ĉu de alkoholo aŭ de ludoj. Koncedi tian dependecon por la koncernato estas malfacile, same konstati ĝin, se temas pri homo en sama entrepreno aŭ sama administracio. Sed la reago povas nur esti tuja retiro el respondeca funkcio.
La distrikta tribunalo *Traunstein* la 5-an de Decembro 2016 decidas puni la trajntrafikestron per tri jaroj kaj ses monatoj da karcero pro mortigo kaj vundo per neglekto. Sekvos pliaj enketoj, civila proceso kaj esploroj pri kulpo de fervojo kiel infrastruktura entrepreno. Sekvos postulo pri konsekvencoj kaj sekvos fine la demando pri akceptebla risko kaj la limoj de homo kaj tekniko.

En *Bad Aibling* proksime al la loko de la kolizio hodiaŭ staras fera monumento, kiu memorigas pri la viktimoj de la akcidento.

<u>Fontoj:</u>
*Der Spiegel, Westfälischer Anzeiger, www.wikipedia.org, www.stellwerke.de, www.rosenheim24.de*

Guido Brandenburg